# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
41a JARO. — OKTOBRO 1949.

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

1949
- n° 5 -

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :
— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) —

# 34a Internacia Kongreso de Esperanto

**Bournemouth (Britujo), 6-13 Aŭgusto 1949.**

La kongreso fakte jam komenciĝis merkredon la 3an de Aŭgusto en Londono, kie speciala komitato gvidata de S-ro LESLIE aranĝis antaŭkongreson.

Pluraj centoj da Esperantistoj tie ĝuis la programon aranĝitan de la lokaj samideanoj. Dancfesto kaj verda kabaredo estis ĝiaj precipaj eroj.

Grandan atenton vekis en la londona regiono elsendado, per televido, kiu montris kaj aŭdigis interparoladon inter D-ino Wanda ZAMENHOF, S-ro YEH, el Ĥinujo, S-ro MEGALI, el Egiptujo, F-ino ADAMSON, el Svedujo, kaj londona taksiisto, S-ro MEARNS.

Sabaton, je 10.30 h., la Esperantistoj renkontiĝis sur perono de la stacidomo Waterloo kaj facile trovis lokon en la speciala vagonaro por ili mendita, dum la ordinaraj vojaĝantoj amasiĝis en longaj vicoj.

Post rapida vojaĝo tra la diversaspekta pejzaĝo, la Esperantistoj alvenis al la bela urbeto Bournemouth, kaj ĉiu facile trovis la loĝejon reservitan de la L. K. K.

Kaj vespere okazis la tradicia **interkonatiĝa vespero.** Bedaŭrinde, ĉar ne ekzistas en la urbo sufiĉe granda ejo, la kongresanoj renkontiĝis en tri diversaj lokoj. Varma atmosfero regis ĉie; oni retrovis multajn malnovajn amikojn kaj trovis novajn.

Dimanĉon matene, okazis la **solena malferma kunsido.**

La kongresanoj amasiĝis en la teatron Paviljono, kiu estis tute plena kiam, je 10.15, la urba pedelo, armita per la ora maso, simbolo de la urbestra povo, solene enkondukis Lian Moŝton J. H. TURNER, urbestron de Bournemouth.

La kunsido estis malfermata per komuna kantado de la « Espero », akompanata de orgenludado.

La prezidanto de la L. K. K., S-ro CHAMBERS, eldiris bonvenigajn parolojn de la lokaj organizantoj al la kongresanoj kaj al S-ino Wanda ZAMENHOF.

Lia Moŝto la urbestro dankis la kongreson pro la honoro kiun ĝi faris al la urbo, kunvenante en ĝi, kaj esprimis sian deziron ke la restado en Bournemouth restu en la memoro de la ĉeestantoj. Li finis per kelkaj bonvenigaj vortoj en Esperanto, kiujn la kongresanoj dankis per tondra aplaŭdado.

Poste parolis S-ro E. MALMGREN, prezidanto de U. E. A. Li skizis la staton de nia movado kaj la rezultojn akiritajn de kiam okazis la pasintjara kongreso. Li dankis la unuopajn esperantistojn, kiuj per sia laboro, plej ofte senpaga, efektivigis multon. Li citis multajn landojn en kiuj oficialaj apogoj de la registaroj estis ricevitaj. Ili estu bazo por novaj sukcesoj en aliaj landoj. Li alvokis la ĉeestantojn por ke per sia persisto, ili akiru ankaŭ aliajn.

Gravaj estas niaj universalaj esperantaj kongresoj; ankaŭ gravaj estas fakaj esperantistaj kongresoj; sed ankoraŭ pli gravaj estas ne-esperantistaj kongresoj kiuj uzas Esperanton. Kaj li anoncis ke la mondfederacio de « camping » kluboj decidis enkonduki Esperanton por plifaciligi la rilatojn inter diverslandaj kampamatoroj.

S-ro STRONNE, nome de la L. K. K. Malmö 1948, prezentis al U. E. A. prezidantan martelon.

Oni poste elektis, kiel prezidanton S-ron GETHING, prezidanto de la Brita Esperanto Asocio; kiel vic-prezidanton, S-ron CHAMBERS, prezidanto de la L. K. K. Kiel kongressekretario kaj vic-sekretario estis elektataj S-roj GOLDSMITH kaj NICOLAISEN.

S-ro GETHING tiam transprenis la prezidanteco̊n kaj siavice faris mallongan bonvenigan paroladon.

Parolis oficialaj reprezentantoj de registaroj aŭstralia, belga (D-ro KEMPENEERS), brazila, itala, nederlanda, norvega, sveda, svisa.

D-ino Wanda ZAMENHOF, bofilino de la majstro eldiris kelkajn trafajn vortojn nome de la Zamenhofa familio.

Okaze de la saluto, nome de la landaj asocioj, la reprezentantoj transdonis al la kongresa prezidanto la rezulton de la petskribo en sia lando. Por Belgujo parolis D-ro KEMPENEERS. En nia lando kolektiĝis 65.306 subskriboj; en la tuta mondo 16.350.212.

Tiam la prezidanto fermis la kunsidon kaj la ĉeestantoj forlasis la salonon laŭ sonoj de orgenludado.

---

Ne estas eble priskribi detale ĉiujn aranĝojn de la Kongreso; ili estas tro multaj, mi mem ne povis ĉeesti ĉiujn, kaj la spaco estas limigata en nia gazeto.

Tri **laborkunsidoj de U. E. A.** okupis matenojn de lundo, mardo kaj vendredo. Ili estis dediĉataj al raporto de la Estraro pri sia agado dum la jaro, al la rolo de la junularo en la movado kaj al la delegita servo de U. E. A. Fine la fakaj asocioj prezentis sian raporton al la Kongreso.

Grandan parton de la kongresa programo okupis la **Somera Universitato.** Prezidataj de P-ro Collinson, pluraj paroladoj estis prezentitaj de scienculoj pri sciencaj temoj. Ili denove pruvis ke nia lingvo taŭgas por ĉiuspeca intertraktado, kaj ke la plej delikataj teknikaj detaloj perfekte povas esti klarigataj per ĝi.

Menciinda estas ankaŭ la **distra parto** de la programo. Interkoniĝa vespero, varietea vespero, kongresa balo, simfonia koncerto ludata de la Urba Orkestro okupis la vesperojn; jaŭde okazis diversaj ekskursoj, inter aliaj tuttaga krozado ĉirkaŭ la insulo Wight.

La **fakaj kunsidoj** estis multnombraj. Sur la programo, mi kalkulis proksimume dudek. Verŝajne okazis ankoraŭ aliaj, lastmomente aranĝitaj de samideanoj kun komunaj interesoj. Ili ĉiuj ankaŭ pruvas, kiajn grandajn servojn nia lingvo povas fari al samfakanoj diverslandaj...

Kaj tiel, irante de unu kunsido al alia, ni alvenis al la sabata mateno, kun ĝia ununura melankolia programero : **Ferma kunsido**... Multaj kongresanoj ĝin ĉeestis; ili volis lastan fojon kune kunsidi, antaŭ la disiĝo. La urbestro ankaŭ ĉeestis, ĉar li persone volis adiaŭi la kongreson. Post lasta raporto, prezentita de D-ro Kempeneers, vic-prezidanto de U. E. A., pri la laboro de la

U. E. A.-Komitato dum la semajno, estis eldiritaj dankaj, ĝisrevidaj kaj adiaŭaj vortoj de la diversaj prezidantoj kaj aŭtoritatuloj. Kaj ĉiu rapidis al la hotelo por prepari kofrojn kaj pakaĵojn... La 34a finiĝis. Vivu la 35a, venontan jaron, en Parizo !

---

KELKAJ INTERESAJ DETALOJ

— **Enskribiĝis** sin 1529 kongresanoj, el 31 landoj.

— La **B. B. C.** prizorgis televidan dissendon dum la antaŭkongreso en Londono. Ĝi ankaŭ dissendis dum kvaronhoro pri la Kongreso dum la semajno.

— Por la **Usona Radio** estis registritaj diversaj eroj de la Kongreso, kiuj post transsendo de la materialo al Usono, utilos por unuhora dissendo relajsita de 185 usonaj radiostacioj.

— La **Brita ministro por Edukado** sendis al la Kongreso du inspektorojn kiel observantojn; ili ĉeestis diversajn aranĝojn, inter aliaj kunsidon de la Komitato de U. E. A. por informiĝi pri la praktika uzado de Esperanto.

**P. K.**

---

## INTERNACIA KONGRESO POR NOVA EDUKADO

Kiel anoncite, F-ino OBOZINSKI ĉeestis, kiel delegitino de Belga Ligo Esperantista, al la « Internacia Kongreso por nova edukado » (franca, nederlanda kaj angla lingvoj estis tie uzitaj), kiu okazis en Bruselo dum julio (ĉeestis ĉirkaŭ 250 personoj el 10 landoj). Ŝi faris komunikaĵon en la fako « Reciproka kompreno kaj frateco inter junularo de la mondo ».

Unue, ŝi miris ke neniu parolinta antaŭ ŝi (estis la 3a tago) aludis pri internacia lingvo kiu estas normale ligita al la demando de monda movado. Ŝi klarigis la superecon de Esperanto sur aliaj helplingvoj, kun interna ideo kaj pedagogia valoro, citante P. Bovet, famkonata de multaj profesoroj. Ŝi donis kelkajn ekzemplojn de agado de la junularo, informojn interesante speciale instruadon en ĉiuj landoj sur nia kampo; fine ŝi esprimis la deziron vidi la plivastiĝon de Esperanto, kaj la enkondukon en lernejoj.

Ĉe la ferma kunsido, tiu deziro estis redirita de la raportistino, F-ino inspektorino CLARET, tute favora al nia kaŭzo.

F-ino OBOZINSKI havis la okazon interrilati kelkajn momentojn kun S-ro A. FERRIERE el Svisujo, kies libro pri estonta eduko estas tradukita en Esperanto. Ŝi ankaŭ konatiĝis kun la ĝenerala sekretario de la Franca Ligo de Instruado; kvankam ne Esperantisto, li intencas enirigi nian lingvon en kelkajn lernejojn.

**S. O.**

---

## KOTIZOJ R.B.L.E. KAJ U.E.A.

**Niaj esperantistaj organizaĵoj, nacia kaj internacia, bezonas vian plenan subtenon.**

**Bonvolu do repagi jam de nun viajn kotizojn por 1950, laŭ la prezaro presita sur la lasta paĝo, reviziita laŭ la novaj monkurzoj. Faru vian eblon kaj aliĝu en pli alta kategorio ol pasinta jaro : la simplaj membroj aliĝu kiel membroj kun jarlibro, tiuj aliĝu kiel membro-abonantoj, k.t.p.**

**Kelkaj membroj kun jarlibro aŭ membro abonantoj aliĝintaj por 1948 ne repagis ĝis nun por 1949. Se ili pagos samtempe por 1949 kaj 1950, ili rajtos pagi por 1949 laŭ la sama rabatita prezo starigita por 1950.**

**Ne forgesu indiki sur la poŝtĉekpagilo viajn nomon kaj antaŭnomon, vian kompletan adreson kaj la jaro por kiu vi pagas. Bonvolu substreki tion, kio ŝanĝis de la pasinta jaro.**

**LA LIGESTRARO.**

## OVER « KUNSTMATIGHEID » GESPROKEN

*Uit « De spijker op de kop geslagen », van Nico Hoen :*

Het is een oh! zo geliefd stokpaardje van velen. Namelijk het afgeven op de kunstmatigheid van Esperanto. Ook hier, gelijk overal, bestaat verschil tussen de ene en de andere mens.

Daar zijn allereerst zij, die eenvoudigweg verklaren, dat het Esperanto eèn « kunstmatige » taal is en DUS — let op, in dit met klem uitgesproken DUS zit 't hem — deugt het Esperanto niet.

Naast deze categorie van « eenvoudigen van geest » is er nog een andere die wel wat verder ziet dan haar neus lang is, doch toch nog niet ver genoeg; deze groep vindt het Esperanto als taal, zelfs als kunstmatige taal, wel min of meer geslaagd, echter in die kunstmatigheid blijft zij desondanks een onoverkomelijk beletsel zien voor blijvende levensmogelijkheid als internationale taal. Wat moeten we hiervan denken ?

Wil men een goed begrip krijgen van de kwestie, dat is het eerst noodzakelijke, dat men het woordje « kunstmatige » (taal) eerst eens even nader op de keper beschouwt. En wel in direct verband tot het Esperanto, want daar gaat het hier immers over.

Waaruit bestaat alzo het « kunstmatige » van het Esperanto ?

Een nadere bestudering der constructie van de Zamenhoftaal brengt reeds direct aan het licht, dat in de woordenschat de kunstmatigheid onmogelijk kan bestaan. Immers het overgrote deel der woorden is genomen uit de zogezegde levende talen, en geeft dus aan elkeen, die iets van talen, en vooral van moderne talen, kent, reeds dadelijk een NATUURLIJKE en vertrouwde impressie, die het minste spoor van kunstmatigheid bij voorbaat uitwist.

In tegenspraak met hetgeen men dus wellicht zou veronderstellen, is de eerste indruk, die het Esperanto maakt op hen, die kennis er mee krijgen, er een van grote en ongedwongen natuurlijkheid.

Zelfs wordt men onwillekeurig getroffen door de meer dan gewone welluidendheid, die het Esperanto bij het spreken blijkt rijk te zijn en die krachtige reminicenties wekt aan het klankrijke Italiaans, de weelderige taal, waarin een Dante zijn onovergelijkelijke « Comedia Divina » schreef (en waarvan een deel in meesterlijke Esperantovertaling verschenen is).

De materie van de Zamenhoftaal, waarvan de woordenschat wel het leeuwenaandeel vormt, is — zoals we reeds zeiden — uit de LEVENDE, nationale talen genomen en... tekent het gehele karakter van Esperanto.

Op deze wijze kon een werkelijk geniale combinatie van natuurlijke rijkdom — gepuurd uit de nationale talen — en een uiterst logische geordendheid tot stand komen. Zodoende wist Zamenhof het Esperanto ook acht malen makkelijker te maken dan enige andere nationale taal, zoals een Volkenbondscommissie heeft vastgesteld (Genève, 22 Juni 1922).

Ten besluite zouden we de verhouding van het Esperanto tot de nationale of natuurtalen willen vastleggen in een vergelijking : en wel zo, dat we de nationale talen daarbij zien als natuurproducten, die onder Gods zegen, zonder enige kunstmatige hulp van buiten af tot weelderige en fleurige bloemenstruiken zijn opgeschoten; terwijl we het Esperanto zouden willen zien als een met veel zorg en overleg, door de kweker in zijn broeikas opgekweekte roos, die een prachtige samenstelling werd van natuurlijke gratie en menselijk vernuft...

Een vergelijking overigens zonder enige pretentie.

## UNE GRAVE EQUIVOQUE

Dans la première moitié du siècle passé, le Français SUDRE imagina une langue formée par les notes de la musique :

Dorédo = temps, dorémi = jour, doréfa = semaine, dorésol = mois, doréla = année, dorési = siècle, sollasi = monter, silasol = descendre.

La langue elle-même a reçu le nom de Solrésol. Les mots peuvent être écrits; on peut les faire entendre par la bouche ou au moyen d'un instument de musique; les cuivres sont tout indiqués pour parler aux foules.

Voilà ce qu'on appeler une langue artificielle, en donnant au mot « artificiel » le sens péjoratif de « non vrai », car elle n'a rien de commun avec une langue historique.

Mais le mot « artificiel » a aussi un autre sens. Buffon a écrit : « Tout, dans le corps humain, est arrangé avec un artifice admirable. » Il n'entendait certainement pas dire par là que l'homme est un être « non vrai ». Malheureusement, en français, c'est le sens péjoratif du mot « artificiel » qui est le plus connu.

L'équivoque a été exploitée, avant la première guerre mondiale et même après, par des chauvins s'imaginant que leur langue nationale devait être la langue auxiliaire dans le monde; par conséquent, ils considéraient l'Esperanto comme un ennemi. Elle est exploitée une nouvelle fois par d'autres chauvins, avec l'aide pécuniaire d'un gouvernement. Il est à remarquer, à ce propos, qu'en 1922 le Secrétariat de la Société des Nations, dans un rapport (Document A5 (1) 1922) sur la question d'une langue auxiliaire internationale, disait :

« Ce serait toucher à une question trop délicate que de vouloir établir la suprématie d'une langue nationale sur toutes les autres. »

La deuxième guerre mondiale n'a certainement pas diminué la valeur de cette remarque.

L'affirmation : « L'Esperanto n'est pas valable parce qu'il est « artificiel », a été reproduite, de bonne foi, par des gens tout à fait désintéressés, parce qu'une sorte de déformation professionnelle la leur fait paraître évidente. Ils sont mal (ou pas) informés.

Il serait déraisonnable de mettre les excellentes pommes de nos vergers, résultats des patients travaux des pomologues, sur le même pied que des bibelots en porcelaine ayant l'apparence d'une pomme, sous prétexte que les premières ne sont pas les fruits du « malus communis » des botanistes, qui croît sans entraves. L'Esperanto est aussi naturel que les pommes de nos vergers; tous ses éléments sont puisés dans les langues européennes, et ont été coordonnés avec une logique admirable par le génial et patient Zamenhof. L'Esperanto est la quintessence des langues européennes; c'est de l'Européen logique.

Qu'on ne se figure pas que la logique et la simplicité nuisent à la perfection de la pensée; les nombreux chefs-d'œuvre de l'antiquité et des temps modernes, qui ont été traduits **en entier**, en vers et en prose, en Esperanto, sont typiques à ce sujet. L'Enéide a été traduite par Vallienne, en hexamètres d'Esperanto ayant la cadence des hexamètres de Virgile, auxquels ils correspondent; l'Enfer de Dante a été traduit par Kalocsay en vers rimés d'Esperanto, tiercés tout comme ceux de Dante, auxquels ils correspondent. Peu de langues historiques ont pareille souplesse. Citons encore l'opéra « Halska », dont le livret en vers polonais est de W. Wolski, et la musique de Moniuszko; le livret a été traduit en vers rimés d'Esperanto par Antoni Grabowski, de telle sorte qu'ils s'adaptent parfaitement à la musique de Moniuszko. Cet opéra a été représenté en Esperanto à Cracovie en 1912. Les textes d'Esperanto de l'Enéide et de « Halska »

ont été édités par la Librairie Hachette, de Paris, respectivement en 1910 et 1912. Celui de l'Enfer par Literatura Mondo de Budapest (1933).

On est loin de la rigidité que des contradicteurs reprochent à l'Esperanto. A certains d'entre eux, nous demandons un peu de « fair play »; aux autres, un examen non superficiel et sans préjugés. C. VANDEVELDE.

---

## TRA LA GAZETARO

*Amerika Esperanto-Magazine* (oficiala organo de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko). Speciala eldonaĵo dudekpaĝa, tute en angla lingvo, por propagando. Amerika Esperantisto, New York.

*Usona Revuo*, n-ro 1, Septembro 1949, Milwaukee, Wisconsin, okpaĝa bele presita: ĝi sin turnas ne nur al nunaj esperantistoj, sed ankaŭ al estontaj; ĝi uzas la lingvojn esperantan kaj anglan.

*Pola Esperantisto* (Januaro-Julio 1949), dekpaĝa (3 en Esperanto, 7 en Pola lingvo), mane multobligita.

*Voĉo de Islando*, unua jaro, numeroj 1 kaj 2, 8 paĝoj kaj koverto. Bele presita, tute en Esperanto.

*Svenska Esperanto Tidningen*, Aŭgusto 1949, okpaĝa, duono de paĝo en Sveda lingvo.

*Esperanta Finlando*, Julio 1949, deksespaĝa (ses en Finlanda lingvo). Al ĝi estas aldonataj broŝuroj por instruado de Esperanto al Finlandanoj.

*Boletin de Federacion Esperantista Espagnola.* — Kvar paĝoj en Hispana lingvo per malgrandaj literoj, kaj kvar paĝoj en Esperanto per grandaj literoj. Bone presita.

*La Vivo.* — El Nederlando. Dumonata organo de « Amikoj de la Homaranismo », dudekpaĝa, tute en Esperanto, bele presita blukolore.

*The British Esperantist.* — Unutrione en Esperanto; dutrione en angla lingvo por propagando.

*Flandra Esperantisto.* — Ok grandformajaj paĝoj (Julio-Aŭgusto) kvarone en Nederlanda lingvo.

*La Esperanta Laboristo* (Francujo, Julio-Aŭgusto), okpaĝa: unu paĝo en Franca lingvo, la aliaj en Esperanto.

*Norvega Esperantisto* (Junio 1949). Okpaĝa bele presita revuo. Tute en Esperanto.

*De Esperantist*, propagandablad voor Esperanto in het onderwijs, verschijnt zes maal per jaar. Abonnement voor België, 10 frank, te storten op postcheckrekening 1680.38 van Belga Esperanto Instituto, Oostenstraat, 26, Antwerpen.

*Fédération Nationale des Chambres de commerce et d'industrie de Belgique* (Nacia Federacio de la komercaj kaj industriaj ĉambroj de Belgujo). — Ni ricevis la adresaron por 1949. Ĝi estas 204paĝa broŝuro kiu enhavas la liston de ĉiuj grupoj komercaj aŭ industriaj de nia lando kun indiko de la administrantaro de ĉiu. Havebla ĉe la Federacio mem, 28, rue des Colonies, Bruxelles.

*Heroldo de Esperanto.* — Ĉiam regule aperas kun tre interesa enhavo. En n-ro 14, kompleta kaj interesa raporto pri la kongreso en Bournemouth. En n-ro 15 ĝi represas la fotografaĵon de la Belga Kongreso faritan antaŭ la urbdomo en Bruĝo. Jarabono por 1950, 165 belg. fr., pagebla al poŝtĉekkonto 1680.38 de Belga Esperanto Instituto, Antwerpen.

## KRONIKO

AŬSTRUJO. — La ŝtata trafikoficejo starigis specialan Esperanto-sekcion. Oni sin turnu al ĝi por ĉiu informo rilate al turismo.

Petu de ĝi la novan prospekton pri Aŭstrujo; vi ĝin ricevos afrankite per la nova Esperanto-poŝtmarko.

GERMANUJO. — Germana Esperanto Asocio helpos vojaĝantojn en Germanujo kiuj sin turnus al ĝi aldonante respondkuponon. Adreso : Germana Esperanto Asocio, 7, Engelbertstrasse, München-Pasing (13b).

## BELGA KRONIKO

BRUSELA GRUPO. — Dum la libertempo, la nevojaĝantoj kunvenis ĉiam amike, plenumante la antaŭviditan lundan programon.

La grupo, aŭ kelkaj apartaj membroj, akceptis aŭ renkontis hazarde alilandajn samideanojn (ĉefe francajn, nederlandajn kaj svedajn).

Ni kolektis eltranĉaĵojn de belgaj kaj britaj gazetoj raportante pri la internacia kongreso en Bournemouth, kaj pri la vojaĝo de la fratoj Smith sur la ŝipeto « Nova Espero ».

La perfektiga kurso de S-ro VAN DER STEMPEL renkontas belan sukceson; li meritas la dankon de ĉiuj (novaj kaj malnovaj esperantistoj).

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand-Sablon, 58, Grote Zavelplein, ĉiulunde je la 20a.

*Oktobro.* — La 3an, parolata ĵurnalo, disdono de diplomoj al la laŭreatoj; la 10an, je la 19.30, S-ro Van der Stempel gvidos la perfektigan kurson; je 20.15, S-ro Brihay, « Kio estas astrologio ? »; la 17an, S-ro Brihay, « Astrologio kaj ĉarlatanismo » (sekvo de unua parolado);
Sabaton la 22an de Oktobro, je la 19a, en « Auberge de l'Yser », 9, rue d'Edimbourg (Porte de Namur),jara festeno. Prezo, 100 fr., pagotaj al la poŝtĉekkonto 7106.07 de F-ino S. Obozinski, 364, avenue Brugmann, Uccle;
la 24an, S-ino Oleffe, « Unu tago de ŝiphalto en Rio de Janeiro »; la 31an, S-ro Swinne pritraktos la libron « Miaj malliberejoj » (S. Pellico).

*Novembro.* — La 7an, parolata ĵurnalo; la 14an, je 19.30, S-ro Van der Stempel gvidos la perfektigan kurson; je 20.15, S-ro Alofs, « Aŭtomata gvidado de aviadiloj », didaktika materialo; la 21an, S-ino Staes-Vandevoorde pri Ledeganck; la 28an, S-ro Hart, « Stranga heredaĵo » (kun bela premio).

*Decembro.* — La 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, ZAMENHOFA VESPERO; la 19an, S-ro L'Host, « Promenado tra la prahistorio »; la 26an, Nov-Zelando (lumbildoj).

*Januaro 1950.* — La 2an, novjara libertempo, ne okazos kunveno; la 9an, je 19.30, S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, parolata ĵurnalo; la 16an, S-ro Castel, « Ĥinaĵoj »; la 23an, Ĝenerala Kunsido : parolado de la Prezidanto, raportoj de la Sekretariino kaj Kasistino, elektoj; la 30an, S-ro Van der Stempel, « Atoma Bombo ».

BRUĜO. — Oni starigis komitaton por honorigi la flandran eminentan verkiston kaj scienciston Maurits SABBE.

Tiuj kiuj volas partopreni bonvolu ĝiri sian donacon sur la poŝtĉekkonto n-ro 4513.62, Maurits Sabbe-hulde, 42, Jeruzalemstraat, Brugge.

Unu el la sekretarioj de la komitato estas la Prezidanto de Bruĝa Grupo Esperantista, nia malnova pioniro Charles POUPEYE. Oni povas sin turni al li, 32, Elf Julistraat, Bruĝo, por pliaj detaloj.

## ANONCETOJ

— BAŠTA, Vladimir, eksoficiro, 54jara, 21, Kremencovà, Praha, Ĉeĥoslovakujo, petas seriozan korespondadon.

— CALVO, Alfredo, 61, Juan P. Bonet 2, 1°, Zaragoza, Hispanujo, deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun belga samideano(in)o.

— Salvador MARALES SADA, San Antonio, 65 (Delicias), Zaragoza, Hispanujo, 27jara sportulo (skikuras kaj grimpas) deziras korespondi.

---

## ESPERANTISTOJ, PAROLU ESPERANTON,

*ne nur en kunsidoj, sed ankaŭ ĉiuloke. Tio estas necesega; jen pruvo : Bruĝa gazeto enhavis, ĉe la unua paĝo, priskribon, kun fotografaĵo, de la kongreso. Sed sur la dua paĝo estis redaktaĵo pri la turistoj, kiuj vizitis Bruĝon ĉe Pentekosto; ĝi finiĝas jene :*

*« Plie kongresis esperantistoj; sed ili parolis ne esperante, sed nederlande, france, aŭ angle. Tio pruvas ke tiujn tri lingvojn mondajn ili elektas provizore, krom Esperanto. »*

ESPERANTISTOJ, PAROLU ESPERANTON ĈIULOKE KAJ LAŬTE.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie, Bruselo.
*Vic prezidantoj :* S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Generala Sekretario :* S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario :* S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert.
*Kasistino :* S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... ... ... fr 80

*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo al la Internacia organizaĵo :*

a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115

b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 170

c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... .. 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18 rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10 98